


OFICIALA ORGANO DE LA SKOLTA ESPERANTO-LIGO 1-4 2010

## En tiu ĉi numero interalie:

- kelkaj artikoloj pri nia granda kampanjo SEL-Reaktivigo
- skolta vojaĝo al Palestino
- raportoj el Hungario, Belgio, Aŭstrio kaj Burundo
- Esperanto por francaj skoltoj

La Skolta Mondo

**Oficiala organo de Skolta Esperanto-Ligo N-ro 1-4/2010**

The magazine of the Scout Esperanto League
Gazette de la Ligue Scoute Espéranto
Gazeta de la Liga de Scouts Esperantistas

**ttt.esperanto.org/skolta**
**sel@scoutnet.org**

ISSN 0031-6558

## Skolta Esperanto-Ligo:

**Prezidanto**
**A.S.Venkatesh Reddy**
poŝta adreso apude,
NR de Hindio
esperovr@yahoo.co.in

**Ĝenerala Sekretario**
**Guido Ricci**
poŝta adreso apude
NR de Italio
guido.ricci@scoutnet.org

**Kasisto**
**Fabien Tschudy**
Francio
arbofeo@gmail.com

**Redaktoro**
**Kinga Nemere-Czachowska**
Pollando, ul. Moniuszki 33/4,
87-100 Toruń
sel-redaktoro@scoutnet.org

**Retisto**
**Volker Schlüter**
Germanio,
volker.schlueter@gmx.de

# NACIAJ REPREZENTANTOJ DE SEL

**AFRIKO** **Burundo**: Nikodeme Ntakirutimana, ntakinic08@yahoo.fr; **Senegalo**: Emmanuel Djikoune, village de Sengalene, Departement d'Oussouye, Région de Ziguinchor, tel. +22-1571-1570, djicounemaimg@ yahoo.fr, skajpo: djicounema **AMERIKOJ** **Argentino**: Marcelo Daniel Lucero, Buenos Aires, skoltaj@ yahoo.com.ar; Ĉilio: Héctor Campos Grez, Casilla de Correos 231, Curico, esperanto.chile@gmail.com; **Kolombio**: Jorge Aurelio Díaz, Calle 138 n. 7c-81/303, Bogota, tel. +57-1-7577548, jadiaz9@cable.net.co; **Meksiko** (peranto): Juan Alberto Rubio Vázquez, Cerro Azul num. 115 Col. Petrolera, 02480 Ciudad de México, amadis@tradicionalscouts.org; **Usono**: Allen Fineberg, 28-24 Sherman Place, Fair Lawn, New Jersey, finebergfamily@gmail.com. **AŬSTRALIO/OCEANIO** **Aŭstralio**: Miranda Lutz, PO Box 339, Pascoe Vale South Vic 3044, tel. +61-0438-557-653, miranda_lutz@ hotmail.com; **Nov-Zelando**: Gwenda Sutton, 12c Herhert Gardens,186 The Terrace,Wellington 6011, gwenda.s@ihug.co.nz; **AZIO** **Hindio**: A.S.Venkatesh Reddy, espero, No.216, off Main Road, Whitefield, Bangalore-66, Karnataka, tel. 9945057668, esperovr@ yahoo.co.in; **Kazahio**: Vera Matvejeva, Komsomolskij 40-168, Rudnij 111500, verapm@mail.ru; **EŬROPO** **Belgio**: Stein Hautekees, stein.hautekees@gmail.com; **Bulgario**: Hristo Mandev, bul. Mogílev 2 II 19, Gabrovo 5306, mandev_h@yahoo.com; **Finnlando kaj Svedio**: Carola Antskog, Brokärrvägen 89, 25700 Kimito, tel. +358-2-423146, +358-50-5817272, cantskog@kolumbus.fi; **Francio**: Samuel Gaillard, 5 rue Maurice Ravel, 63 800 Cournon d'Auvergne, Samuel.GAILLARD@ac-clermont.fr; **Hispanio**: Luis Gilpérez Fraile, Calle Alonso de Pineda 28, E 41007 Sevilla, luis@riskoes.com; **Hungario**: Záhonyi Lajos (Lala), Szonyi István u. 38, Budapest 1046, tel. +36-302830098, zahonyi.lajos@chello.hu; **Italio kaj Luksemburgo** (peranto): Guido Ricci, av Des Muguets 39, 1950 Kraainem, Belgio, guido.ricci@scoutnet.org; **Nederlando**: J.K. Hammer, Taxusstraat 7, NL 1505 AA Zaandam, ko.hammer@planet.nl; **Pollando**: Sebastian Cyprych, Oławska 95c, 49-300 Brzeg, tel.+48-77-4047110, +48-603-999098, sebacyp@jabster.pl, skajpo: sebacyp.

# Reaktiviga kampanjo

## La ideo, komenco kaj progreso

> ***Ni devas esti real-idealistoj,***
> ***altajn plani celojn,***
> ***sed fundamentojn de ilia realigado***
> ***konstrui sur fortaj terfundamentoj.***
> Skoltmastro. S. Sedlaczek, 1933

Eble ne ĉiuj legantoj scias, ke la Skolta Esperanto-Ligo estas la plej malnova in- ternacia skolta asocio en la mondo. Ĝi estis fondita en 1918, preskaŭ du jaroj antaŭ la starigo de la Monda Organizo de la Skolta Movado. Niaj fondintoj estis idealistoj kaj laboris intense ekde la komenco, organizante internacian skoltan agadon, prezentante valorojn de la neŭtrala lingvo, promociante ĝin inter naciaj skoltaj asocioj. Kaj ili faris ĉion sen la interreto! Ni vidas kelkajn kulminajn eventojn de SEL aktiveco: la Monda Ĵamboreo en Gödöllö en la jaro 1933, kie preskaŭ 150 geskoltoj el 15 landoj partoprenis la subtendaron kun Esperanto kiel la oficjala lingvo; oficjala nuligo de la rezolucio, malfavora al Esperanto en 50-aj jaroj fare de MOSM (Monda Organizo de la Skolta Movado); publikado de gravaj libroj (*Ĵamborea Lingvo* kaj *Pli Vastaj Horizontoj)* en la 70-aj jaroj. Do, la historio montris multfoje, ke SEL povas ludi gravan rolon en la skolta movado per programproponoj interesaj kaj praktikaj por geskoltoj en la tuta mondo.

Nun, en la tempo de interreto, eblecoj por esperanto-parolantaj skoltoj estas grandaj, sed pro diversaj kialoj SEL ne ĉiam sukcesas. La intensa laboro de kelkaj individuoj, kiuj agis sole aŭ hazarde, ne ĉiam donis longtempajn fruktojn. La membreco malkreskiĝis, novaj membroj ne aliĝis multnombre kaj malgraŭ kelkaj interesaj ideoj, ni ne sukcesis prezenti la programon aŭ programeron al la ekstera publiko por montri, ke Skolta Esperanto-Ligo aktivas. Eĉ ni haltigis eldonadon de nia revuo “La Skolta Mondo” pro la manko de sufiĉa nombro de publikindaj informoj kaj eventoj.

Tial, en marto 2010, Volker Schlueter (Germanio) kaj mi decidis agi kune por revigligi la Ligon. Ni ne volis senĉese diskuti, argumenti kaj organizi rapidajn, nepreparitajn eventojn, sed ni decidis prepari la strategian agadplanon kaj uzi la pragmatikan metodon en nia agado. Ja, ni ĉiuj havas familiojn, gefilojn kaj plentempajn laborojn. Poste aliaj homoj volontulis, kaj ni kune komencis la agadon, aŭ - pli honeste - tre intencan laboron, ĉar preskaŭ ĉiutage ni komunikis kelkfoje, uzante retmesaĝojn, skajpon aŭ simplan telefonon (admirante niajn familianojn pro ilia pacienco dum nok- taj intershanĝoj de komunikaĵoj). La celoj estis klaraj: reaktivigi la Ligon kaj prepari la sekvontan generacion de SEL-aktivuloj. Tamen, la taskoj daŭris pli ol unu jaron kaj postuladis seriozan






analizon de la situacio, detalan planadon kaj efikan laboron.

Unue, ni konstatis, ke nek la skolta movado, nek Esperanto-movado scias ion ajn pri la Skolta Esperanto-Ligo kaj unufojaj individuaj streboj de kelkaj homoj en diversaj landoj ne sufiĉas longtempe. Due, ni rimarkis, ke eĉ la plej interesa iniciativo en unu lando malaperos tre baldaŭe, se la parto-prenantoj havas neniun eblecon por uzi la lingvon en la internacia skolta kunlaboro. Trie, multe da interesaj ideoj mortas, se aktivuloj agas sole, sendepende kaj mallongtempe (ĝis la sekva evento). Ni vidis kelkfoje, ke individuloj kun bonegaj ideoj kaj entusiasmo lasis energion, iniciativon kaj fine la volon por plue agi.

## Paŝo post paŝo

Tial ni decidis agi kune dum sekvaj 2-3 jaroj, farante malgrandajn paŝojn kun la komuna strategio. Unue ni volis INFORMI la publikon pri la Ligo, uzante la novan, modernan signon de la kampanjo SEL-Reaktivigo kaj la artikolon "Skoltoj relevas la flagon". Due, ORGANIZI kaj TREJNI novajn aktivulojn, kiuj aliĝos al la trejnseminario planita por majo 2011 en Pollando. Trie, faciligi la aranĝojn por APLIKI Esperanton dum internaciaj skoltaj renkontiĝoj kaj organizi la Internacian SEL-Ĵamboreon en 2012 (pri pliaj detaloj de ĉiu etapo de la kampanjo legu sur la paĝoj 12-15).

Samtempe ni konstatis, ke ne indas atendi tujajn rezultojn, ĉar nia agado kaj trejnado de novaj aktivuloj bezonas tempon. Tamen ni sciis, ke kiam ni fokusigas nian energion, tempon kaj laboron en unu direkto kaj en la kunordigita agado - tutcerte la laboro donos rezultojn: ne kelkdek individuaj iniciativoj organizitaj sendepende, sed erio da aranĝoj, adaptitaj al la lokaj kondiĉoj, organizitaj en diversaj landoj dum la sama aŭ simila tempo.

Ni ankaŭ decidis ordigi inter-najn aferojn, por ke ni havu fortajn fundamentojn por nia agado. En la aparta artikolo nia Ĝenerala Sekretario prezentas la proceson de la ordigo de la membreco kaj postenoj de Naciaj Reprezentantoj (paĝoj 7 - 8).

Nun, post preskaŭ unu jaro de la kampanjo SEL-Reaktivigo, ni vidas, ke nia laboro donas unuajn fruktojn. La nova numero de "La Skolta Mondo" ofertas la eblecon por prezenti la duan etapon de nia kampanjo kaj la direkton por la jaro 2011.

## Dua etapo

Tutcerte ni daŭrigos la kampanjon SEL-Reaktivigo en aliaj landoj. Strate-

gio bone funkcias kaj novaj aktivuloj el diversaj landoj komencas lokajn kampanjojn. Se vi volus fari la samon en via lando, bonvolu kontakti nin. La dua etapo de la kampanjo estas TREJNADO kaj ni laboras kun la reto de novaj aktivuloj por trejni ilin en la organizado de la lokaj kampanjoj dum la SEL-trejnseminario en Varsovio (Pollando), organizota en majo 2011.

Niaj internaj aferoj ankaŭ postulas plian laboron. Daŭrigante la sukceson de la ordigo de membreco, ĉi-jare ni planas plibonigi la reton de Naciaj Reprezentantoj, Perantoj kaj la servon al niaj membroj. La nova numero de "La Skolta Mondo" montras, ke vere indas membriĝi kaj ni volus eĉ plibonigi tion. Samtempe serioza laboro estos necesa por ĝisdatigi la statuton kaj regularon de SEL. Post preskaŭ 40 jaroj indas adapti oficjalajn dokumentojn de la Ligo al la nuntempaj kondiĉoj kaj praktiko de modernaj asocioj.

Ni bone scias, ke kelkaj reguloj estas malpraktikaj, malefikaj kaj verdire povas serioze haltigi la funkciadon kaj estonton de la Ligo.

Sekvonta paŝo de la kampanjo SEL-Reaktivigo estas oficjaligo de rilatoj kun naciaj skoltaj asocioj, internaciaj skoltaj asocioj kaj internaciaj Esperanto-asocioj. Mi kredas, ke ekzistas espero por la kunlaboro kun ILEI, TEJO kaj naciaj E-asocioj. Niaj celoj estas similaj, do ni nur devas trovi efikan vojon por la kunlaboro.

Ĉu ĉi-supraj labordirektoj estas fareb-laj? Mi kredas, ke jes kaj mi esperas, ke iam homoj diros: *"ili ne sciis, ke la tasko de SEL-Reaktivigo estis nerealigebla kaj simple ili realigis ĝin".*

**Jarosław Fotyga, Pollando / Britio**




## Pri Esperanto kaj skoltismo

## Estu preta!

Pola Skolta Asocio (ZHP) publikis longan artikolon pri ligoj de Esperanto kun la skolta movado kaj pri la kampanjo SEL-Reaktivigo en la plej granda nacia gazeto por skoltestroj CZUWAJ. La artikolon, kiun skribis Kinga Nemere Czachowska, la redaktorino de La Skolta Mondo, ilustras fotoj de Guido, Lala kaj aliaj SEL-anoj. La teksto mencias ankaŭ Sebastian Cyprych - la Nacian Reprezentanton en Pollando.

Esperantlingva traduko de la artikolo haveblas por lokaj adaptoj kaj tradukoj en naciaj skoltgazetoj en viaj landoj. Bonvolu kontakti: **sel.reaktivigo@gmail.com** por ricevi la plenan dosieron.

**http://czuwaj.zhp.pl/index_arch.php?num=91**

# La trejnseminario por vi

Kadre de la kampanjo SEL-Reaktivigo Skolta Esperanto-Ligo planas organizi la trejnseminarion por novaj aktivuloj inter la **17-a** kaj **23-a de majo 2011**. La ĉefa temo estos: ***Konstrui sur la diverseco – kiamaniere utiligi interorganizan kunlaboron?*** La programo enhavos intensan laboradon pri teknikoj kaj metodoj de la moderna agado de novaj asocioj. Oni ankaŭ lernos efikajn manierojn de organizado de junularo, uzante la temon de diverseco. Krom tio la partoprenantoj vizitos la Centran Komitaton de ZHP (Pola Skolta Asocio) por diskuti ĝian sperton en la internacia kunlaboro kaj la potenciala uzado de la internacia lingvo. Fine ni renkontiĝos kun la loka grupo de geesperantistoj.



**SELeminario**
**Varsovio 2011**

Ni ricevis la subvencion de la Europa Junulara Fonduso por pagi la vojaĝkostojn kaj la hotelkostojn de ĉiuj partoprenantoj. Dank' al tio la aliĝkotizo por la kvintaga programo estos nur **75 eŭroj** (por eŭropanoj) kaj **100 eŭroj** (por ekstereŭropanoj). Ni povas inviti **nur 30 aktivulojn**, ĉefe el Eŭropo, sed ankaŭ ni intencas inviti la plej aktivajn SEL-membrojn el aliaj regionoj. Por ricevi plian informon kaj por ricevi la aliĝilon al la trejnseminario, bonvolu skribi al:

**SEL.Reaktivigo@gmail.com**

Nombro de lokoj estas limigitaj. Se venos pli ol 30 aliĝoj, la Centra Komitato de SEL devos selekti ilin.

## Brazilanoj atendas

Brazilaj esperantistoj el la Paranaa Esperanto-Asocio (PEA) atendas kontakton de skoltoj-esperantistoj, kiuj partoprenos la Mondan Skoltan Konferencon en la urbo Kuritibo. La aranĝon organzias januare 2011 la Monda Organizo de la Skolta Movado. Partoprenos ĝin estraranoj delegitaj de la skoltaj asocioj de ĉiuj landoj. Skribu al la prezidanto de PEA Ivan Colling: iecolling@yahoo.com.br SEL celas krei kontaktojn inter skoltoj de la tuta mondo pere de Esperanto, pro tio pretas disponigi lernilojn, ankaŭ perrete. Ni dediĉis la jaron 2010 al informado pri SEL, kaj 2011 estos la jaro de trejnado de novaj aktivuloj de SEL. Laŭplane, en 2012 ni organizos internacian tendaron uzante Esperanton kiel pontlingvon.



Akvofalo Iguaçu en Paranao

# Nia membraro kreskas!

Kiam mi ekis mian unuan deĵoradon kiel ĝenerala sekretario de SEL en 2005, mi ricevis de mia antaŭulo Hector Campos Grez longan adresaron pri homoj, kiuj iel iam interesiĝis pri la Ligo. Kelkaj el ili estis membroj, aliaj ne plu aŭ nur donis iam sian adreson por informiĝi. Ankaŭ en la kolofono de *La Skolta Mondo* estis listo de Naciaj Reprezentantoj de SEL. Kelkaj el ili sendis al mi informojn pri sia landa agado, sed aliaj neniam respondis al leteroj au retmesaĝoj.

Dum la pasintaj kvin jaroj la Centra Komitato (la estraro de SEL) povis nomumi kelkajn novajn Naciajn Reprezentantojn el konataj kaj aktivaj membroj de SEL, ekzemple en Kazaĥio, Burundio, Senegalo, Meksikio kaj Kolombio. Tamen, ĝis 2010 ni ne kuraĝis reordigi la liston de la membroj kaj de Naciaj Reprezentantoj por apartigi iamajn interesitojn de plenaj kotizantaj membroj kaj aktivaj reprezentantoj. Tion ni faris kadre de la nuna kampanjo SEL-Reaktivigo. Por faciligi la membriĝon, en junio 2010 ni kreis la retan aliĝilon kaj retan kotizpagilon (*PayPal*). Ĉiuj membroj de la Ligo kaj ĉiuj abonintoj de la dissendolisto skolta-esperanto-ligo@yahoogroups.com estis invititaj uzi tiujn ilojn por kon-firmi aŭ renovigi sian aliĝon.

Samtempe la granda informkampanjo SEL-Reaktivigo venigis multajn novulojn al nia retejo, kaj kelkaj el ili ankaŭ aliĝis al la Ligo.

Post ses monatoj, la rezulto estas, ke SEL havas la konfirmitan liston de ĉiuj membroj, el kiuj pli ol duono estas tute novaj. Ne ĉiuj membroj de antaŭ 2010 jaro konfirmis sian aliĝon (pri la aliaj



"malnovaj" membroj ni nur scias, ke jam de jaroj ili ne kotizis), tio do signifas ke en 2010 la efektiva membraro pli ol duobliĝis. Ĉiuj aliĝin-toj, kiuj kotizis, ricevis membrokarton kaj insignon de SEL por kudri sur sian skoltan ĉemizon (vidu bildon sur la paĝo 4). Tamen, la granda diferenco inter la kotizo kaj sendokostoj ne permesus al SEL sendi paperan revuon al ĉiuj kotizintaj membroj. Tial la Centra Komitato estis decidinta en 2005, ke - por ne tro altigi la membro-karton - la abono de la papera revuo estos pagenda aparte de la kotizo. La sperto montris tamen, ke aliĝo sen revuo ne estas tre interesa, kaj la Centra Komitato decidis sendadi denove la paperan revuon al la membroj ekde la numero, kiun vi tenas, kaj sekve altigi la membrokotizon. Ekde 2011 ĝi estos egala al la kotizo MG, kiu tamen estas la plej malalta kotizo de UEA. Por scii kiom tio estas por ĉiu lando, bonvolu konsulti la tabelon.

**Por resti (aŭ iĝi) membro de SEL en 2011, vi devas pagi vian kotizon al la konto SELX-M ĉe Universala Esperanto Asocio aŭ per PayPal al la retadreso: skoltismo@gmail.com.** Vi tuj ricevos novan membrokarton kaj ĉiujn numerojn de la revuo, eldonotaj en 2011. Novaj membroj ricevos ankaŭ insignon. Kiu ŝatus iĝi nacia reprezentanto de SEL en lando, kie la posteno vakas, devas anonci sin al la ĝenerala sekretario, kaj proponi siajn ideojn pri SEL-agado en sia lando. Se la Centra Komitato aprobas lian programon, li povas fariĝi peranto de SEL. Post ekrealigo de la programo, li povas fariĝi la Nacia Reprezentanto, depende da la rezultoj de lia agado. Fine de la jaro 2012, ĉiuj Naciaj Reprezentantoj elektos novan Centran Komitaton de SEL por nova 5-jara deĵorado. Por scii kiuj landoj jam havas Nacian Reprezentanton de SEL, bonvolu rigardi la kolofonon de tiu ĉi revuo (paĝo 2).

**Guido Ricci, Italio/Belgio**

## Kotizoj por 2011 – renovigu vian aliĝon al SEL!

Aŭstralio/dolaro 14, Aŭstrio/eŭro 10, Belgio/eŭro 10, Brazilo/eŭro 5, Britio/pundo 8, Ĉeĥio/krono 170, Danio/krono 70, Estonio/eŭro 7, Finnlando/eŭro 10, Francio/eŭro 10, Germanio/eŭro 10, Greklando/eŭro 8, Hispanio/eŭro 10, Hungario/forinto 1750, Irlando/eŭro 10, Islando/eŭro 10, Israelo/eŭro 7, Italio/eŭro 10, Japanio/eno 1120, Kanado/dolaro 14, Latvio/lato 4, Litovio/lido 20, Nederlando/eŭro 10, Norvegio/krono 80, Nov-Zelando/dolaro 18, Pollando/zloty 25, Portugalio/eŭro 8, Rusio/eŭro 5, Slovakio/eŭro 7, Slovenio/eŭro 8, Svedio/krono 95, Svislando/franko 14, Usono/dolaro 13. **TARIFO A**/eŭro 6, **TARIFO B**/eŭro 5.**Aliaj landoj:** Luksemburgo laŭ Belgio; Kipro kaj Malto laŭ Slovenio.

**Tarifo A:** Bahamoj, Honkongo, Korea Resp., Singapuro, Sud-Afriko, Tajvano.
**Tarifo B:** Ĉiuj ceteraj landoj ankoraŭ nemenciitaj.

# En la tendo kaj babilejo

## Ĵamboreoj en reala kaj virtuala mondoj

En la jubilea ĵamboreo en Anglio 2007 SEL havis la informbudon, kie ankaŭ helpis kelkaj membroj de la brita esperanto-asocio. Ni estis nur du skoltinoj, kiuj partoprenis la Ĵamboreon: Justyna el Pollando kaj mi el Finnlando. Krome ni havis kvar italajn helpantojn, kiuj tute ne konis esperanton. Ili tamen iomete lernis kaj povis rakonti pri la lingvo kaj disdoni informilojn. Ni distribuis anglalingvan materialon de la projekto Springboard kaj kvarpaĝan informilon pri SEL en la lingvoj: angla, esperanto kaj franca.

En la informtendo ni havis esperantlingvan mondomapon, kie la vizitantoj povis montri si-an landon kaj lerni ties nomon en Esperanto. Nian tendon vizitis pres-kaŭ mil geskoltoj el pli ol 60 landoj. Tio ja estas malpli ol 3% de la tuta partoprenantaro, sed ta-men ni povis semi iom da intereso por nia kara lingvo. Ni havis ŝildojn pri la alfabeto, numerojn kaj kolorojn. Ni aranĝis diversajn ludojn kaj la vizitantoj povis ludi koloro-bingon kaj gajni SEL-salutkartojn. Tiaj kartoj ankoraŭ estas en la stoko por uzado dum la Ĵamboreo en Svedio 2011. Pri tio Ilari Laitinen el Finnlando prizorgos kune kun finna aŭ internacia teamo. Ankoraŭ eblas anonci intereson por helpi al li.

Mi esperas, ke ni povas renkontiĝi en la **babilejo #esperanto** de scoutlink por diskuti pri la programo en la SEL-informbudo en Svedio. Plej multe da homoj iras tien dum la JOTI semajnfino. JOTI estas la Ĵamboreo en la interreto kaj okazas ĉiam la trian semajnfinon de oktobro. En la diverslingvaj babilejoj renkontiĝas geskoltoj el la tuta mondo. Plejparte la junuloj serĉas kontakton kun plej eble multaj alilandaj



Maldekstre staras Carola kaj en la mezo - Justyna

geskoltoj. Tial la plej ofta demandotie sonas: *El kiu lando vi estas?* Sed kompreneble, oni ankaŭ interese diskutas pri skoltado kaj pri la vetero. Nun estas pli silente en la babilejo, sed mi preskaŭ loĝas tie kaj atendas vian baldaŭan viziton.

**Carola Antskog, Finnlando/Svedio**

**Belgio 2009**

Jam pasis unu jaro de la unua SEL-umado, kaj intertempe okazis multaj aferoj. Kelkaj estis planitaj dum tiu kunveno (renovigo de la retejo), kelkaj estis esperataj (reordigo de la membraro), kaj aliaj estis eĉ ne imageblaj tiam (vasta kampanjo por SEL-reaktivigo).



Ekde maldekstra flanko sidas: Guido, Volker kaj Fabien.

# La unua SEL-umado

La SEL-umado estas neformala renkontiĝo de aktivuloj de la SEL. Mi elpensis tiun formaton por ekvigligi la rilatojn inter la aktivuloj, kio estas nepraĵo por ĉia estonta agado de la Ligo. La unua SEL-umado do okazis ekde la 30-a de oktobro ĝis la 2-a de novembro 2009 en la sidejo de la Ligo, tio estas (laŭ la statuto) ĉe la adreso de la Ĝenerala Sekretario apud Bruselo, Belgio.

Partoprenis ĝin tri el la nunaj estra-ranoj de la Ligo, nome: la kasisto Fab-ien Tschudy, la retisto Volker Schlu-eter, mi mem kaj la emerita ĝenerala sekretario Ko Hammer kun sia edzino Tiny.

Ĉar lastatempe la vivo de la Ligo konsistis ĉefe el interretaj kontaktoj, renkontiĝi persone, diskuti, kunvivi kaj kunmanĝi dum 4 tagoj estis nova sperto. Ekzemple, mi mem ankoraŭ ne estis renkontinta Volker persone. Kun-labori perrete eblas, sed tio pli facilas, se la koncernaj homoj jam kulaboris estante en la sama loko.

Ni inteparolis ĉefe pri la estonteco de la Ligo kaj pri tio, kiamaniere ni plej sukcese atingos nian celon: diskonigon de esperanto en la geskoltaro. Nune la plej taŭga varbilo por nia ideo estas interreto, ĉar ni povas rapide kaj malmultekoste atingi multajn homojn per ĝi. Tial ni decidis plibonigi nian interretan paĝaron.

Baldaŭ post la SEL-umado la retisto tute restrukturigis la paĝaron de SEL. La aspekto de la paĝoj povas ankoraŭ plibeliĝi, sed la strukturo de la retejo nun estas tia, ke eblas evoluigi ĝin kaj aldoni paralelajn diverslingvajn paĝojn, kie tio utilas.

Sed alia artikolo de tiu ĉi gazeto priskribas nian retejon. Laŭ mi gravas substreki, ke la SEL-umado estis ankaŭ amiketosa kunestado de skoltoj. Ni ekkonis unu la alian kaj ekŝatis la personajn ecojn de la aliaj. Ĉefe ni - "junuloj" - ĉerpis kiel eble plej multe el la sperto de Ko Hammer, kiu rakontis al ni pri la pasinteco de la Skolta Esperanto-Ligo kaj rakontis multajn milittempajn anekdotojn, kiuj malkaŝis al ni la elstarecon de nia emerita Ĝenerala Sekretario kiel skolto kaj espe-rantisto, kaj precipe kiel homo. Se te-mas pri la distraj programeroj de la SEL-umado, ni vizitis la urbocentron Se te-mas pri la distraj programeroj de la SEL-umado, ni vizitis la urbocentron de Bruselo


Dum la unua SEL-umado

kaj la kvartalon de la eŭ-ropaj institucioj, ni gustumis tipajn trinkaĵojn.belgajn kaj italajn manĝaĵojn Babilante pri malpezaj lin-gvaj aferoj, ni lernis de Ko nian unuan indonezian esprimon: Kareta Api. Kareta signifas „veturilo”, api signifas „fajro”. La kunmetaĵo signifas "trajno".

**Guido Ricci**
**Ĝenerala Sekretario de SEL**

# La dua SEL-umado

Belgio 2010

**Kvar SEL-anoj partoprenis la duan SEL-umadon, kiu okazis la 19-an de decembro 2010 en Bruselo. Por preskau ĉiuj la kunveno estis la unua renkonto en la vera mondo.**

Guido Ricci, Christopher Boon, Cédric Nimal, Valère Doumont priparolis gravajn aferojn, ligitajn kun la popularigo de la Ligo en Belgio. Pro forta neĝado la kunvenon ne sukcesis partopreni Stein Hautekees kaj Geoffrey Nimal. Guido estas grupestro kaj Ĝenerala Sekretario de SEL, Valère estas estrarano de la sudbelgia E-asocio kaj estis skoltestro, Christopher estis grupestro, Cédric estas trupestro kaj samtempe estras "pionirojn" (16-17 jaranj skoltojn).

Valère informis, ke li petis intervjuon al prezidanto de "Les Scouts" (rifuzata) kaj proponis esperantan trejnadon kadre de semajnfino pri lertosignoj organizatan de la asocio, sed ricevis ĝentilan respondon ke ne eblas pro la organiza situacio kaj krome pro la dubo pri utileco de Esperanto por geskoltoj.

Dum la kunveno oni debatis ĉu taŭgas respondi kaj fine decidis danki la respondon kaj sendi la inviton por partopreni la Printempan Esperanto-Kunvenon (PEK-o), kiun valona Asocio Por Esperanto (APE) intencas organizi en la centro de la skoltina katolika asocio (GCB)ekde la 20-a ĝis la 22-a de majo 2011. APE proponas al SEL kunlaboradon por organizi kursojn de Esperanto por geskoltoj dum la finsemajno. La skoltoj loĝos en tendoj, rajtos partopreni la programon de PEK-o (inkluzive la koncerton de JoMo) kaj APE dungos la instruiston. Oni decidis, ke Valère okupiĝos pri la rilatoj kun APE kaj Cédric pri skoltaj programeroj.

Guido rakontis pri la historio de SEL kaj pri la internaciaj projektoj, kiel la TEJO/SEL trejnseminario en majo 2011 (Pollando) kaj la internacia Ĵamboreo en 2012.

Cédric anoncis, ke li serĉas eksterlandan skoltgrupon por ĝemeliĝo kun liaj grupoj pere de Esperanto kiel la pontlingvo. Fine la partoprenantoj decidis publiki informojn pri Esperanto, SEL kaj la skolta semajnfino ĉe tabou.be.

(knc) **Vidu la partoprenantojn sur la fotografaĵo en la malantaŭa kovrilpaĝo**.

# Kiel komenci?

Ĉi tiu artikolo prezentas kelkajn rekomendindajn proponojn surbaze de Kampanjo SEL-Reaktivigo. La kampanjo uzis la pragmatikan metodon por enkonduki Esperanton kaj SEL inter geskoltoj kaj geesperantistoj mondskale, uzante la strategion de Informado → Organizado/Trejnado → Aplikado. Similan metodon rekomendas UEA en sia strategia agadplano. La sekvenco de ĉiuj etapoj estas nur la indikilo, la loka situacio povas permesi la alian sekvon.

Kiam vi atingos ian intereson de novaj interesantoj:
- sendu la dankleteron al ĉiuj,
- respondu al ĉiuj informpetoj - kutime ili temas pri la lingvo, kie/kiamaniere lerni ĝin, kie praktiki kaj kiel uzi la lingvon en la skolta agado. Preparu kelkajn propo-nojn surbaze de lokaj kondiĉoj (lertosigno/konkurso/ trejnseminario/ ktp),
- organizu semajnfinan renkontiĝon de ĉiuj novaj aktivuloj.

- Oficjaligu kon-taktojn kun la na-cia skolta asocio.

- Uzu la lingvon kaj ĝoju ĝian praktikan valoron!

- Anoncu vian intereson al ni por ricevi la dosieron por via lando.
- Adaptu la dosieron al la lokaj kondiĉoj kaj informu la publikon pri SEL (esperantlingvaj medioj) kaj pri Esperanto (skoltaj medioj).
- Publiku artikolojn pri SEL en la interreto, en skoltaj retaj paĝoj, dissendlistoj, forumoj, anconctabuloj, ktp.
- Kontaktu redaktorojn de naciaj skoltaj medioj por publiki artikolojn pri la loka programo.

OFICJALIGO

APLIKADO

ORGANIZADO/TREJNADO

INFORMADO

| kvaronoj: | 1 | 2 | 3 | 4 | 5 |
|---|---|---|---|---|---|

## INFORMADO

Geskoltoj tute ne scias pri SEL kaj pri Esperanto, aŭ lernas pri ĝi de homoj, kiuj ne povas prezenti la praktikan valoron de la lingvo kaj nur revas pri la "fina venko", aŭ donas ne-realan kaj ne-praktikan bildon pri la lingvo kaj pri la movado. Niaj spertoj konfirmas, ke unue ni devas informi la skoltan movadon pri Esperanto kaj pri SEL en la interesa kaj moderna maniero. Kiam geskoltoj eklernas, ili kutime interesiĝas! Vi ne devas esti aktiva skolto (kvankam tio ne malhelpas) kaj vi povas komenci la kampanjon kiel iama skolto, gepatro de la skolto, aŭ simple kiel membro de Skolta Esperanto-Ligo. Kompreneble, indas pripensi la plej efikan metodon de la enkonduko de SEL al skoltoj en viaj landoj - uzante lokajn skoltgrupojn (persona kontakto utilas), aŭ kontaktante naciajn skoltajn asocioj (ĉefe Internaciajn Komisarojn aŭ redaktorojn de naciaj skoltaj gazetoj - enkonduka letero de la Centra Komitato de SEL haveblas).

Ni komencis nian kampanjon per publikado de mallongaj artikoloj pri SEL-Reaktivigo en diversaj esperantlingvaj kaj skoltaj medioj (preskaŭ deksep mil; ttt-ejoj, dissendlistoj, ktp. - vidu la foton de la revuo "El Popola Ĉinio" kun nia artikolo). Poste, kiam ni interesigis la skoltajn mediojn, ni povis publiki en la nacia skolta gazeto la longan artikolon pri Esperanto kaj SEL, kiun preparis Kinga Nemere-Czachowska, la redaktorino de LSM. Ŝi prezentis la praktikan valoron de Esperanto kaj ĝiajn ligojn kun la skolta movado.

## ORGANIZADO/TREJNADO

Post la publikigo de ambaŭ artikoloj vi povas veki multe da intereso flanke de novaj geskoltoj. Tiam indas zorgeme konstrui la kontaktreton kaj organizi la lokan agadon. Ofte la intereso postulas **organizadon de semajnfina renkontiĝo**




Skoltoj relevas la flagon

2010-07-01

Skolta Esperanto Ligo preparas novan strategian agadplanon por memorigi sian 100-jariĝon en 2018. La ligo de Esperanto, parolantaj geskoltoj planas reviglgi sian agadon kaj oferi novan programproponon por la skolta movado per la popularigado de diverseco uzante la internacian lingvon.

SEL, la plej malnova internacia skolta organizo planas agi en la kampoj de informado (pri Esperanto en naciaj skoltmedioj ĉi-jare), trejnado (trejnseminarioj por novaj aktivuloj en 2011) kaj aplikado (internacia skolta tendaro en 2012). SEL bezonas geesperantistojn, iamajn aŭ nunajn geskoltojn, kiuj volus kunlabori loke kun naciaj skoltasocioj aŭ internacie ene de SEL. Se Vi volas scii pli, bonvolu viziti esperanto.org/skolta kaj skribi al SEL.Reaktivigo@gmail.com por ricevi pliajn informojn.

(el tejo.org)
Redaktoro: Liu Zijia

por ĉiuj novaj interesantoj kaj por prezenti SEL, instrui la lingvon, kaj disktuti la agadon – la lokan kaj la internacian. Kaj poste la agado jam povas flugi! Se vi bezonas ideojn por ĉi tiu unua renkontiĝo, bonvolu skribi al nia adreso: **SEL.Reaktivigo@gmail.com.** Sur la internacia nivelo ni planas organizi la **trejnseminarion por novaj aktivuloj de SEL en Varsovio en majo 2011**, parte subvenciota de la Eŭropa Unio (vidu artikolon sur la paĝo 6).



Kiam vi havas la reton de interesantoj pri Esperanto en via lando, tiam indas ankaŭ **oficjaligi kontaktojn kun la nacia skolta asocio.** Tiam kontaktu la Ĉefskolton, aŭ, pli efike, Internacian Komisaron kaj aranĝu la oficjalan renkontiĝon por prezenti SEL kaj diskuti pri eblecoj de la kunlaboro. Ne ĉiam oficistoj en la skolta asocio povas renkontiĝi tuje, sed vi povas aranĝi la renkontiĝon dum la sekvontaj 1 aŭ 2 monatoj.

Tutcerte vi devas bone prepari vin por la renkontiĝo – havi loklingvajn broŝurojn pri Esperanto/SEL kaj kelkajn ideojn por proponi al la skolta asocio. La ideoj devas varii depende de la situacio de la loka skolta asocio. Vi devas orientiĝi pri ĝia agadplano kaj prioritatoj kaj poste adapti Vian proponon al ĝiaj celoj. Bone estus, ke la programpropono rilatu la faciligon de internaciaj kontaktoj, ekzemple per propono de la lertosigno *Esperantisto* (kiel en Italio kaj supozeble en Pollando), la semajnfina trejnseminario (kiel en Belgio), la konkurso por individuaj skoltoj, skoltgrupoj aŭ alia propono adaptita al lokaj kondiĉoj, tradicioj, ktp. Kutime la ideo de Esperanto ne estas tre konata inter geskoltoj, do indas proponi la publikadon de artikoloj pri Esperanto kaj pri SEL en la nacia skolta gazeto. Ni havas kelkajn versiojn de diversaj artikoloj do kontaktu **SEL.Reaktivigo@gmail.com** Ni ankaŭ povas diskuti la plej efikan manieron de oficjaligo de SEL en via lando.

## APLIKADO

Post la sukceso de la unuaj etapoj, la loka sekcio de SEL kaj ĝiaj membroj povos uzi la lingvon dum diversaj internaciaj skoltaj aranĝoj. Vi povas organizi la renkontiĝon kun najbaraj landoj aŭ partopreni internaciajn tendarojn. Ni planas organizi la **Internacian SEL Ĵamboreon en 2012 en Pollando,** por ĉiuj SEL-

anoj, por ke ili povu  praktiki la lingvon dum dum la skolta tendaro, supozeble organizota apud Bjalistoko, la naskiĝurbo de L.L.Zamenhof.

Post la sukceso (ĉar ni kredas, ke ĝi estos sukceso!) de la priparolitaj etapoj indas promocii la rezultojn kaj denove organizi ĉiujn etapojn kun novaj ideoj, novaj artikoloj kaj novaj programproponoj.

Ni vere kredas, ke se vi fokusigos vian energion en ĉi-supra agado, vi povas sukcesi. Unuaj rezultoj de nia kampanjo SEL-Reaktivigo konfirmas, ke la strategio efikas, ĉar en ĉiu etapo ni havas interesajn sukcesojn: multe da artikoloj pri SEL (pli ol 17 000), granda kresko de vizitantoj (tage de 5 ĝis 100), internacieco de interesantoj (kresko de 30 ĝis pli ol 100 landoj), novaj membroj de SEL, oficjaligo de kontaktoj kun naciaj skoltaj asocioj en kelkaj eŭropaj landoj, organizo de la trejnseminario en Eŭropo en la jaro 2011 por novaj aktivuloj, ktp).

Se la supraj ideoj ekinteresos vin, bonvolu kontaktiĝu kun ni: **SEL.Reaktivigo@gmail.com.** Ni volonte pridiskutos kun vi la plej efikan strategion en via lando.

**(J)**



En la tuta mondo skoltoj mansalutas sin per maldekstraj manoj. Sur la fotografaĵo videblas polaj geskoltoj dum la somera tendaro.

# Malgrandaj sukcesoj

Malrapide sed certe ni paŝas antaŭen. Malgraŭ tio, ke la hungara esperantista skoltismo havas riĉan historion, nuntempe la movado devas reviviĝi. Laŭ la strategia plano de SEL ĉi-jare ni provis disvastigi informojn pri la Ligo. Mi mallonge raportas pri nia maniero kaj kelkaj malgrandaj sukcesoj.

Mi agas kadre de No.1918. Xántus János Skoltagrupo, kiu ekde komenco entreprenis Esperanton. Ni forte kunlaboras kun la Hungara Esperanto Junularo, kiu subtenas nin. Samtempe apartenas al la Hungara Skoltasocio. Nia skolta grupo estas nova kaj malgranda. Iu ajn povas aliĝi al ni, ĉar ĝi agas kiel ĝenerala skoltgrupo. Nur somere, kiam ni tendumas, ni instruas Esperanton. Ni provas disvastigi la internacian lingvon inter geskoltoj.

Ni ankaŭ aktivas alimaniere - ni prezentas nin dum la Internacia Junulara Semajno (kiu estas la plej granda somera junulara renkotiĝo en Eŭropo). Tie okazis prelego pri la Skolta Esperanto-Ligo. Ni provas disvastigi skoltismon en Esperantujo kaj serĉi aktivulojn.

Pasintjare ni havis eblecon por diskonigi SEL inter geskoltoj dum CONCORDIA 2010, la plej granda skoltarangôo en Mez-Eŭropo kun pli ol 1200 gejunuloj. Ni iris tien kaj ni provis disdoni informbroŝurojn inter geskoltoj. Unu aŭgustan vesperon DJ Esperanto prezentis sian internacian diskotekon.

Nia sekvonta celo estas konstrui laŭeble plej bonan rrilaton kun Hungara Skoltasocio. Ni planas organizi kurson de Esperanto kaj aliajn programojn pri la internacia lingvo.

**Lajos Záhonyi (Lala)**
**Nacia Reprezentanto de Hungario**

Sube: diverslandaj skoltoj en Concordia.
En la kovrilpaĝa fotografaĵo ĉiam aktiva Lala instruas Esperanton dum la tendaro.

http://www.cserkesz_eszperanto.mindenkilapja.hu/

Nepre vidu ankaŭ tre interesan filmon pri SEL kaj hungaraj skoltoj en:
http://www.youtube.com/watch?v=zŜOFX0RNPI



# Sen limoj

Inter la 26. de oktobro kaj la 02. de novembro 1996 en Lublin, Pollando, okazis TEJO-seminario titolita "Junularo sen limoj - agado por internacia interkompreniĝo", kiun partoprenis multnacia grupo. La programo ĉirkaŭprenis diversajn prelegojn, diskutojn, ekskursojn kaj distraĵojn. Ekzemple: Bill Mak, hongkong-devenulo el Kanado preparis prelegon pri la valoroj de pluraleca socio kaj multkulturismo. Interese parolis ankaŭ Jasper Sprengers, nederlandano.

Aparte substrekinda estas la koncerto de Georgo Handzlik, kiu plenumis premiere tri siajn novajn kantojn - cetere unu el ili kreigxis dum la seminario mem. Liajn kantojn oni akceptis per longdaŭraj aplaŭdoj, des pli, ke en multaj el ili rimarkeblas fon. Estis entuziasmige, ĉar multaj esperantistoj el ĉiuj kontinentoj salutis la partoprenintojn de la seminario per la retpoŝto. Ni preparis mapon de la mondo kaj ni surgluis apude paperetojn kun komputilaj mesaĝoj.

La partoprenintoj nevolonte revenis hejmen, plendante, ke la renkontiĝo daŭris tro mallonge. La seminarion vizitis ankaŭ polaj televidĵurnalistoj.

**Ewa Krach, Pollando**




TEJO: Tutmonda Esperantista Junulara Organizo. Vidu: www.tejo.org



TTT-ejo de SEL

# Kion ni bezonas?

La nuna mondo rapide ŝanĝiĝas. Por multaj homoj pli kaj pli gravas la interreto: tie ili serĉas informojn, distron kaj eĉ amikojn. La Skolta Esperanto-Ligo funkcias en tiu ĉi ŝanĝiĝanta mondo, kaj ĝi devas alĝustiĝadi al tiuj ŝanĝoj, ĝi devas respondi al novaj bezonoj de siaj membroj.

La unua TTT-ejo de la Ligo aperis jam en 1997. Tiam ĝi estis kelkpaĝa, sed jam tiam donis plurajn informojn pri skoltismo, Esperanto kaj ties interligoj, kaj ankaŭ funkciigis babilejon, dis-sendoliston kaj gastlibron. Ĝi estis nur esperantlingva.. En la jaro 2007 la Ligo kreis novan paĝaron ĉe la servilo de UEA kaj fariĝis plurlingva, ĉar oni konsciis, ke la Ligo devas ankaŭ celi al neesperantistoj. Pluraj naciaj repre-zentantoj tradukis tekstojn, kiuj trovis sian lokon en la TTT-ejo. La La paĝaro (dekkelkaj HTML-lingvaj dokumentoj) estis simple kreita en ĉiu lingvo en sia dosierujo, sen skriptoj, sen dinamika enhavo. Dum la unua SEL-umado de la estraro de la Ligo en 2009, oni decidis uzi la interreton kiel la ĉefan komunikilon por ĉiuj, kiuj interesiĝas pri la skoltismo kaj Esperanto.

Volker Schlüter, kiel oficiala retisto de la Ligo, komencis rearanĝi kaj pli-modernigadi la paĝaron, kiu iom post iom fariĝis pli moderna (nun ĝi baziĝas je PHP dosieroj kun Java-skriptoj). Bedaŭrinde, la paĝaro ne vokis grandan intereson, havante nur kelkajn vizitojn tage. Ĉi-jare, la Ligo ekis la kampanjon






"SEL-Reaktivigo". Danke al vasta reklamado en la interreto, la nova TTT-ejo de SEL estas vizitata jam centkelkfoje tage. Kaj la nombro de liganoj rapide kreskas. Videblas, ke la interreto tre gravas por la Ligo, kaj la brusela decido pri la paĝaro estis korekta. Sed la mondo plu progresas, kaj same faru la paĝaro. **Kion ni bezonas?**

**Unue -** novan retiston. Volker jam ne havas forton pli modernigi la paĝaron kaj la "ĉefa informilo" de SEL postulas multe da laboro.

**Due -** novan ideon por la paĝaro. Ĝis nun ĝin kreis amatoroj, hodiaŭ la Ligo bezonas pli profesian solvon, kiu igus la TTT-ejon alloga kaj facile mastrumebla. Ni invitas do ĉiujn TTT-paĝokreantojn, kiuj volus agi kiel la retisto de la Ligo: bonvolu kontaktiĝi

**vizitintoj**

| | | | |
|---|---|---|---|
| CL | 836 | VE | 161 |
| AR | 618 | IT | 150 |
| MX | 589 | GB | 135 |
| MY | 515 | ES | 128 |
| US | 442 | PL | 126 |
| DE | 269 | FR | 115 |
| BE | 259 | NO | 109 |
| ID | 232 | LK | 102 |
| CO | 209 | EC | 60 |
| BR | 163 | CR | 57 |

FLAG counter

kun la Ĝenerala Sekretario Guido Ricci: guido.ricci@scoutnet.org

Ne hezitu! Laboru kiel volontulo por la skoltismo kaj samptempe por la internacia lingvo Esperanto!

**Sebastiano Cyprych, Pollando**

Kvar junuloj malkovras Palestinon

**Kadre de la rovera projekto, dum unu somera monato en 2009 kvar francaj skoltoj vizitis Palestinon kaj Israelon por kompreni la komplikan rilaton de tiuj du nacioj.**

# Skolta scivolemo

Ni kreis nian teamon en 2006 kadre de la skoltgrupo en la urbo Rodez, en suda Francio. Ni estis kvar skoltoj el la movado Scouts et Guides de France (Skoltoj kaj Skoltinoj el Francio), tiam 18 al 20 jaraĝaj studentoj pri diversaj temoj. Samtempe ni ankaŭ estis skoltestroj por pli junaj skoltoj. Ni estis jam longtempaj skoltoj, kiuj kune travivis plurajn tendarojn, inter alie en Maroko.

Oni tre ofte parolas pri Palestino kaj Israelo, sed ni konsciis, ke ni nenion sciis pri la veraj aferoj. Per tiu projekto, ni celis levi la informfiltron, irante malkovri ĉeloke realecon de la israel-palestina konflikto. Ni volis resti kiel eble plej neŭtralaj antaŭ foriro, por konstrui niajn opiniojn surbaze de nia memsperto.

La nuna situacio estas rezulto de komplika historio. Ni do volis esti partianoj nur de la paco, senperforto kaj priparolo. Nun israela militaro kaj loĝantoj okupas palestinan teron. Pro tio nia projekto ĉefe direktiĝis tien, kie videblas ŝtelado de gravaj rajtoj: al Palestino.

La rekontiĝo kun diversaj uloj ŝajnis por ni la plej bona metodo por malkovri tiujn du popolojn, kulturojn kaj provi kompreni la situacion.

Ni volis, ke la renkontiĝo estu la kerno de nia projekto, ĉar - laŭ nia opinio - en Palestino, kies loĝan-toj malpovas iri eksteren, aŭ eĉ moviĝi enlande laŭvole, renkontiĝo kun fremduloj estas unua malfermo al la ekstera mondo.

Grava celo estis do renkonti diversajn palestinajn kaj israelajn ulojn kaj malkovri multajn ejojn. Krome, ni laboris kune kun la palestinaj junuloj dum du semajnoj. Danke al la asocio « Project Hope» el urbo Nabluso (Projekto Espero, vidu ĝian retpaĝon: .http://www.projecthope.ps),ni renkontis junajn palestinanojn kaj kun ili la-



Por pagi kostojn de la vojaĝo al Palestino ni rakontis al turistoj pri la fama katedralo en nia urbo Rodez en Francio.

boris pri edukado por infanoj. Nature, eble la plej edukataj estis ni! Tiel la agado de tiu asocio havas tri specojn da ricevantoj: lokaj infanoj, memvolaj junuloj el Palestino kaj el cetera mondo (la internaciuloj, kiel oni tie nomas ilin). Kun loka cirkarta lernejo ankaŭ el Nabluso, ni instruis ĵongladon kaj uniciklon dum kursoj por infanoj, kiuj ne parolis la anglan, do tio estis interesa sperto pri komunikado. Feliĉe, ni samtempe lernis gravajn vortojn el araba dialekto de Palestino!

Kompreneble, ni volis renkonti lokajn geskoltojn, sed tion verdire ni ne sukcesis, krom hazarda renkonto kun unu palestina skolto. Sed tio estis jam feliĉa afero: ni povis paroli pri skoltismo kaj ni rimarkis, kiom malsamas diversaj skoltaj asocioj.

Grava afero pri nia projekto estas komunikado pri tio, kion ni vidis kaj vivis. Tiucele, ni alportis filmilon por dissendi vidaĵon pri Palestino. Ni do faris la filmon: "*Vi, la birdo, kiu flugas. Vojaĝo al Palestino*", kiu estas atesto de nia sperto. En la filmo ni rakontis niajn pripensojn kaj malkovraĵojn. Tio estas enprofundiĝo mezen de la palestina vivo kaj kulturo.



Piedpilka ludo kun palestinaj infanoj



supre: en la fama Jerusalemo.
malsupre: kun palestinaj amikoj





Nabluso vidata el la monto Gerizimo

**Matthieu Gauvain, Francio**

La filmo spekteblas ĉe la adreso: http://www.yatair-voyageenpalestine.fr.cx

Esperanto por francaj skoltoj

# Alloga flamo

La jaro 2007 estis la jaro de la cent-jariĝo de skol-tismo, kaj ĉie sur nia planedo festoj estis organizataj de skoltoj kaj eks-skoltoj por memorigi la komencon de skoltismo far de la kreinto Robert Baden-Powell. Unu el tiuj aranĝoj estis la vojaĝo de la Memorig-Flamo de Kenjo (tombejo de B.P.) ĝis Anglio, portita de multaj geskoltoj per diversaj veturrimedoj: piede, boate, bicikle, ktp.



Francaj katolikaj skoltinoj kun la flamo

Tiu flamo transiris nian francan regionon Aŭvernjo ĉirkaŭ la sabato, 14-an de julio, kiu estas ankaŭ fama nacia festo en Francio. Do, la dimanĉo 15-a estis bonega tago por kunigi ĉiujn geskoltojn tendumantajn ĉirkaŭ Clermont-Ferrand (la ĉefurbo de mia regiono), kaj organizi diversajn agadojn dum la tuta tago.

Posttagmeze, sur grandega placo de la urbo, la skoltestroj kaj iamaj skolt-estroj organizis diversajn atelierojn por lerni novajn teknikojn, kantojn, ludojn, aŭ por amuziĝi. Mi kaptis tiun okazon por proponi atelieron pri la lingvo Esperanto, ĝia historio, ĝia gramatiko kaj ĝia uzo inter geskoltoj hodiaŭ, do SEL. Dum kvar horoj geskoltoj de diversaj asocioj vizitis mian atelieron, eĉ kelkaj gepatroj, kiuj partoprenis tiun festan kaj grandan tagon.



Mia edzino Pascale ĉe la tabulo „Tendumi kun Esperanto”

Mia edzino kaj niaj 3 gefiloj akompanis min dum tiu tago. Ili portis la insignon de SEL sur la poŝoj de la uniform-ĉemizoj). Mia edzino kaj mi uzas Esperanton ekde nia geedziĝo, do niaj infanoj parolas la lingvon ekde ili kapablis paroli kaj ĉefe kiam ni renkontas esperantistojn.


Mia filino Claire-Lise kun la insignoj de SEL



Mia filo Johano-Mateo portas la flamon

Kiam mi estis zorganta pri skolta grupo dum 10 jaroj (1988-1997), miaj geskoltoj uzis la internacian lingvon, ĉar mi organizis renkontojn kun fremdaj geskoltoj, ĉu en Francio, ĉu alilande. Ekzemple en Italio mi renkontis la skoltestron Guido Ricci, dank' al kiu miaj skoltoj vizitis la urbon Ĝenova en 1990, se mi bone memoras la jaron.

Sed nun en nia regiono neniu skolta grupo uzas Esperanton. Post priskribitaj supre tagoj mi ne plu organizis propagandon por SEL. Sed tiu momento estis bonega okazo, do se aperos alia, mi esperas, ke mi povos uzi ĝin.

**Samuel Gaillard, Francio**

Mi propagandas al la patrolo de katolikaj geskoltoj dum proksimume 15 minutoj.

## Belgaj skoltoj

**Inter 10-miliona loĝantaro de Belgio agas iom pli ol 160 000 skoltoj. Tio signifas, ke proksimume 18 procentoj de belgaj junuloj skoltas! Kaj oni konsideras, ke 80 procentoj iam estis invitataj partopreni la skoltan movadon.**

# Mirigaj procentoj

Belgio situas sin inter unuaj landoj laŭ la kvanto de skoltoj el la loĝantaro kaj ĝi estas la kvara lando kun la plej multaj skoltoj en Eŭropo! Do la skoltmovado bone fartas en Belgio. Ekzemple, la 29-an de aprilo 2007 cîuj asocioj kune festis la centan naskiĝdatrevenon de la skolta movado. Ili organizis la kunvenon en Bruselo, kiu kunigis 100 000 skoltojn! Ĝis nun ĝi estas la plej granda skolta kunveno organizita en la mondo!

Ekzistas kvin skoltaj asocioj en Belgio. La dividoj estis laŭ lingvoj, religio kaj sekso. Nuntempe ĉiuj asocioj estas geaj kaj sekvas "privatismon" pri religio.

En Flandrio ekzistas :

•**Scouts en Gidsen Vlaanderen** [Skoltoj kaj Skoltinoj de Flandrio], ekskatolika asocio, 70 000 membroj;

•**Federatie voor Open Scouting** [Federacio por Malfermata Skoltismo], senreligia asocio, 7 200 membroj.

En Bruselo kaj Valonio:

•**Les Scouts** [La Skoltoj], eks-katolika kaj nurvira asocio, 54 000 membroj;

•**Les Guides Catholiques de Belgique** [La Katolikaj Skoltinoj de Belgio], katolika virina asocio, 25 000 membroj;

•**Les Scouts et Guides Pluralistes** [La Skoltoj kaj Skoltinoj Pluralismaj], senreligia asocio, 6 200 membroj.

Mi volas prezenti al vi la ĉefan franclingvan asocion:

## "Les Scouts" (La Skoltoj)

Ili zorgas pri infanoj kaj junuloj 6 - 18-jaraj ene de 4 grupoj: 6 - 8-jaraj ("les Baladins"), 8 - 12-jaraj (les Louvetaux), 12 - 16-jaraj (les éclaireurs) kaj 16 - 18-jaraj (les Pioniers). Poste multaj iĝas skoltestroj. Plejparte la skoltestroj en Belgio estas junuloj malpli ol 25-jaraj. Ili organizas interesajn kunvenojn ("brevets") por 14- kaj 15-jaraj skoltoj. Dum semajnfina renkonto, la skoltoj en malgrandaj grupoj plinibonigas iliajn lertecojn pri unu temo. Ekzemple, pri kuirado, unua kurachelpo, strangaj sportoj, manlingvo. Poste ili ricevas specialan provinsignon (en Belgio dekkelkjaruloj ege ŝatas insignojn!). Plej ofte la "instruistoj" venas el apartaj asocioj, ekzemple el la Ruĝa Kruco por la "brevet" pri unua kurachelpo.

La plano de la asocio por la jaroj 2010-2013 celas pliprofundigi la inter-naciecon de la movado. Oni planas organizi pli oftan interŝanĝon, zorgas pri kontaktoj kun lokaj skoltoj okaze de eksterlandaj tendumoj kaj strebas partopreni en internaciaj tendumoj kaj ĵamboreoj.

Kompreneble, kiel esperantisto kaj iama skolto mi kontaktis ilin kaj je la fino de novembro 2010 proponis Esperanton kiel helplingvon por internaciaj kontaktoj kaj kiel la temon por "brevet". Bedaŭrinde, Esperanto estas ege malkonata en la franclingva Belgio kaj oni jam elektis du aliajn temojn por ĉi-jaraj "brevets". Tamen, mi esperas kaj atendas la respondon.

**Valere Doumont, Belgio**




# Skoltoj en IJK?

Esperble vi scias, ke la **Internacia Junulara Kongreso** estas la oficiala ĉiujara kongreso de **TEJO** - la plej granda junulara Esperanto-renkontiĝo en la mondo. Ĝi okazas tradicie dum unu somera semajno, ofte tuj antaŭ aŭ post la Universala Kongreso. La lasta IJK okazis en Kubo (181 partoprenintoj). La venontjara **67-a IJK** okazos ekde la 14-a ĝis la 21-a de julio 2011 en **Kijivo,** la ĉefurbo de mia patrolando **Ukrainio.**

Kijivo estas unu el la plej antikvaj urboj de la mondo. Laŭ oficialaj historiistoj, ĝi estis fondita en V jarcento. Laŭ aliaj fontoj - jam 500 jaroj antaŭ la nasko de Kristo, estis ĉi-tie la ĉefurbo de caraj skitoj. Kijivo havas multajn antikvajn vidindaĵojn, riĉan kulturon, belan naturon. De ajna flanko indas viziti ĝin kaj ekkoni.

Mi estas olda skolto, membro ne nia nacia skolta organizaĵo “Plast”, ekestinta en 1912, kaj membro de SEL. nome de la Loka Kongresa Komitato mi havas la honoron inviti geamikojn-skoltojn al la Kongreso. Pli detalajn informojn pri ĝi vi trovos ĉe (la tutan adreson skribu kune): **http://www.ijk-67.retejo.info/cxefpagxo**. Via ĉeesto helpus popularigi Esperanton inter ge-skoltoj de Ukrainio. Kuraĝe aliĝu kaj ni prizorgos, ke la kongresa tempo pasu por vi en skolta etoso.

**sac. Serhij Prudko, Ukrainio**

### Raporto el Aŭstrio

# Skoltoj ekkuras denove

La unua Esperanto-grupo de Aŭstrio formiĝis en la urbo Leoben en supra Stirio en la jaro 1893. Jam en la tempo de la fondo de la Aŭstria Esperantista Federacio en 1902 jaro kaj de la unua Universala Kongreso de Esperanto en Boulogne-sur-Mer en 1905 tiamaj amikoj de la mondlingvo Volapük transiris al la Internacia Lingvo Esperanto. En la jaro 1906 estis fondita la Esperanto-societo por Stirio kun lokaj grupoj en Graz, la ĉefurbo, kaj Leoben. En 1913 jaro, ankoraŭ dum la vivo de D-ro Ludoviko Lazaro Zamenhof, kiu mortis en la jaro 1917, okazis en Graz la Tutaŭstria Esperanto Kongreso. La movado en Aŭstrio sekve havas longan historion sed bedaŭrinde dum la lastaj jaroj oni "forgesis" la Skoltan Esperanto-Ligon.

La Esperanto Societo en Graz nun strebas reaktiviĝi per interpersonaj kontaktoj kun skoltgrupoj kaj informnoto en la reto por naciaj skoltaj gazetoj. Ni nun sukcesis publikigi artikolon por la skoltaj gazetoj kaj forsendis 207 retleterojn al la aŭstriaj grupoj kaj organizaĵoj, kaj multaj jam reagis.

Mallonga eltiraĵa resumo: Ĉu vi sciis, ke la fondinto de la skolta ideo lord Baden-Powell en sia unua skoltlibro sin klare esprimis por la aplikado de la Internacia Lingvo Esperanto kiel kaŝlingvo por patroloj, ĉar li sciis, ke oni povas eklerni ĝin facile? Jam en la jaro 1918, do nur 11 jarojn post la unua skolta tendaro, kreiĝis Skolta Esperanto-Ligo.

La grandiozeco de la tiel nomata „Internacia Lingvo Esperanto" estas, ke oni bezonas mezkvante iom malpli ol duonan jaron, por lerni ĝin. Ja ekzistas nur 16 gramatikaj bazaj reguloj, sen ununura escepto, kiuj trovas spacon sur malgranda vizitkarto. Kiu lernas kaj parolas Esperanton, povas senkoste tranokti kun Pasporta Servo ĉe aliaj esperantistoj en la tuta mondo. En Vieno cetere troviĝas la Internacia Esperanto-Muzeo proksime de la „Hofburg". Kaj en Graz ekzistas la Esperanto-placo kun monumento el 1987 jaro.

En la Eŭropa Unio ekzistas 27 ŝtatoj kun 23 oficialaj lingvoj. Kaj EU elspezas por siaj 2.500 tradukistoj kaj interpretistoj ĉiujare 1,1 miliardojn da eŭro (ne milionoj, sed miliardoj!), ĉar por traduki el kaj al 23 oficialaj lingvoj,



minimume 506 lingvaj duopoj necesas! Kaj ne estas demokrate uzi nur la anglan lingvon. La elektado de la angla kiel dominanta rimedo por komunikado, estis neniam objekto de de-mokrata decido, neniam oni permesis al la civitanoj elekti libere.

La anstataŭigo de la angla per Esperanto ebligus ŝpari multe da tempo kaj mono. Oni ja povus lerni ĝin tre rapide. Ankaŭ niaj lernejoj povus speguli tiamaniere la kulturan diversecon, dum ili nuntempe proksimigas al la infanoj kaj junuloj nur ununuran kulturon, kiu praktike estas prezentita malkorekte kiel supera al la aliaj.

Sed kun Esperanto en la internacia dialogo regus relativa neŭtraleco, ĉar ĉiuj trovus la samajn antaŭkondiĉojn. En kontrasto al tio, la angla – kiel ĉia alia nacia lingvo – ebligas al parolantoj de la gepatra lingvo (ne nur al usonanoj kaj angloj) parolan avantaĝon. Sed Esperanto efektive interligas la popolojn, por ĉiuj lernantoj kun samaj antaŭkondiĉoj, kun egalrajteco kaj honesta lojaleco.

***http://de.lernu.net*** estas plurlingva retpaĝo en interreto ("de" signifas germanlingvan version, sed estas ankaŭ aliaj), per kiu oni povas lerni Esperanton senkoste kaj simple.
La skoltan retpaĝon vi trovos en: ***http://www.esperanto.org/skolta*** kaj la retan ĵamboreon en: ***http://ww.joti.org.***
La paĝo ***http://www.esperanto.at*** devenas de la Austria Esperanto-Federacio kaj prezentas aŭstriajn regulajn gastajn tablojn kaj sammaniere interesajn aranĝojn ankaŭ en najbarlandoj.

**Heinz Paul Kovacic, Aŭstrio**

# SEL en Hindio

Ĉirkaŭ 300 hindaj skoltoj ĉeestis la 26-an Karnatakan Ĵamboreon, kiu okazis inter 26-a de decembro 2010 ĝis la 3-a de januaro 2011 en Hindio. Esperanton instruis al ili Venkatesh Reddy, la prezidanto de la Skolta Esperanto-Ligo, kiu sukcesis jam entuziasmigi multajn estrojn.

# Korespondi deziras

**Nadia Czachowska**, 16-jara skoltino el Pollando. Ŝi estas helpantino de la estrino de la skoltina grupo (skoltinoj 10-15 jaraj) kaj samtempe ŝi apartenas al la alia grupo de pli aĝaj skoltinoj (16-21 jaraj). Ambaŭ grupoj funkcias kadre de la skolta organizaĵo ZHR. Skribu al:

**nadia.czachowska@gmail.com**



## Burundo 2010

# Aktiva sekcio

Lastatempe tre aktiva estas la vivo de skoltoj-esperantistoj en Burundo. En augusto 2010 burundaj esperantistoj, kaj inter ili dek skoltoj, seminariis en la provinco kaj komunumo Bubanza.

- *Ni lernis gramatikon uzante la libron „Gerda malaperis", historion de Esperanto en la tuta mondo, kaj ankau ni eksciis kiel starigi klubojn en lernejoj* – raportas Nicodème Ntakirutimana, la Nacia Reprezentanto de SEL en Burundo. - *Ni konatiĝis kun aliprovincaj skoltoj kaj ne skoltoj kaj anaukaŭ alilandoj el Kenjo kaj Ugando. Mi trovis okazon prelegi pri la historio de la skolta movado kaj pri ĝiaj celoj.*

Dum la seminario kelkaj skoltoj akiris diplomojn de la instrukapablo, inter alie: Niyongabo Erikson, Nkurunziza Isaie, Niyondiko Pascal, Nyandwi Leonard. La Nacia Reprezentanto kunparolis kun sinjoro Hilare el la provinco Gitega, kie okazos la internacia tendaro en 2012. Li promesis helpi en la starigado de skoltaj esperantistaj kluboj en tieaj lernejoj. - *Kvankam li estas komencanto, li propagandos la lingvon kaj petos la tieajn skoltojn inviti min por instrui al ili Esperanton* – diras Nicodème Ntakirutimana. – *Poste ili ege helpos dum la Ĵamboreo - mi esperas ke ili jam scipovos paroli esperante.* (k)

Sube kaj dekstre - la partoprenantoj














# Lertosignoj pri Esperanto

La plej granda geskolta asocio de Italio AGESCI postulas de kandidatoj por la interpretista lertosigno pri ĉiu lingvo bazan konon de Esperanto.

Ĝis la jaro 2008 AGESCI havis pli ol 70 malsamajn lertosignojn por geskoltoj aĝaj inter 12 kaj 15 jaroj. En tiu jaro la ĝenerala konsilantaro de la asocio decidis forigi kelkajn lertosignojn por raciigi la sistemon.

Danke al nia amiko Gino Lucrezi, la ĉefo de Scoutnet.org, SEL eksciis, ke la lertosigno de esperantisto riskis malaperi kaj sendis leteron al multaj ĝeneralaj konsilantoj por informi ilin pri Esperanto kaj ĝia utileco por gekoltoj. Tamen la speciala lertosigno (maldekstra bildo) estis forigita.




Post tiu decido eldoniĝis nova manlibro pri la akiro de la ekzistantaj lertosignoj kaj foliumante ĝin mi konstatis, ke la postuloj por akiri la interpretistan lertosignon (dekstra bildo) nun inkluzivas bazan konon de Esperanto kaj de la Esperanto-movado, sendepende de la lingvo elektita por akiri la lertosignon.

Do, la leteroj de SEL eble instigis utilan diskuton pri la lertosigno, kiu kondukis al bonega kompromiso. Iu-sence la situacio por Esperanto estas eĉ pli bona ol kiam ekzistis aparta lerto-signo pri ĝi, ĉar ĉiuj geskoltoj, kiuj interesiĝas pri iu ajn lingvo, estos informataj ankaŭ pri Esperanto. **(g)**

Postulemo kaj sinfordono

**Esperantio kaj skoltismo estas du mondkonceptoj kaj vivmanieroj, kiuj estas ligitaj ankaŭ per komuna ideo: senlimeco. Trovi samideanojn, eĉ amikojn tra la tuta mondo, konsenti pri certaj idealoj estas nia riĉa trezoro, kiu ne konas ŝtatajn, kulturajn aŭ religiajn limojn.**

# Meza vojo

La sento por solidareco estas necesa bazo kaj konsekvenco. Do ne estas mirinde, ke la anoj de tiuj ĉi movadoj volas helpi al kolegoj el malriĉaj regionoj. Kaj vere por esperantisto ne pasas tago sen retmesaĝo, en kiu oni prezentas novan esperplenan projekton kaj petas pli malpli malkaŝe helpon, preferite monon (ofte nur legeblas "ni bezonas...").

Alparolita estas precipe la sam-ideano loĝanta en la norda hemi-sfero, kiu estas taksata "riĉulo". Tiu taksado de la petmesaĝanto estas tute klara, se oni estas ĉiam superŝutita per informoj pri la forta ekonomio de tiel nomataj industriaj nacioj, pri la beluloj kaj riĉuloj ŝajnvivantaj en amaskomunikiloj, pri strangaj maŝinoj en stratmuroj, kiuj elsputas senprobleme monbiletojn. Kaj se antaŭ okuloj oni havas la mizeran staton de la vivkondiĉoj en la propra hejmlando. Tre verŝajne iu lando, kiu spertis grandan maljustecon, fiekspluatadon kaj perforton fare de eŭropaj imperioj aŭ internaciaj akciaj societoj.

La petmesaĝo estas finlegata kaj nun la kondiĉa reflekso de averaĝa esperantisto ekigas helpemon. Urĝa bezono, sed ankoraŭ kuŝas ja sur la skribtablo bankaj enpagiloj por subteni UEA-fondaĵojn, Caritas, UNESCO, la lokan parohon, Greenpeace, Amnesty International ktp. Kie komenci? Kie fini? Ĉiuj entreprenas bonajn, subtenindajn agadojn. Ĉu helpi senlime?

Mi konis maljunan esperantistinon, plenan de amo al la homaro kaj al Esperantismo. Ŝi instruis E-on en popola altlernejo senkoste, ŝi sendis monon kaj librojn al malriĉaj landaj E-organizaĵoj, subtenis Esperanton ĉiumaniere, ekzemple per abonado de preskaŭ ĉiu E-gazeto kaj ofte pagis la kursokostojn por lernantoj senlaboraj.

Ĉu ŝi estis riĉa? Laŭ la takso de la petmesaĝanto certe jes. Sed rilate al la cirkonstancoj en la propra lando - tute ne: ŝi vivis en malgranda loĝejo primitiva, vivis simplan neluksan, modestan vivon.

Ankaŭ mi sentas la fortan deziron helpi, donaci iom da ĝojo per libroj, per instruiloj kaj tiel disvastigi nian lingvon. Se petmesaĝanto ekscius, kiom da mono mi gajnas monate, li certe dirus, ke mi estas riĉulo, kiu ja havas eblecon kaj devon donaci monon – morala devigo de riĉulo.

Mi memoras azianon, kiu retpoŝte sciigis, ke lia grupo volonte havus certan bonegan vortaregon. Mi respondis al li, ke mi mem kaj ankaŭ aliaj grupanoj ankoraŭ ne havas tiun ĉi dezirindan libron pro ĝia alta prezo, do mi ne povas sendi ĝin. Ĉu li komprenis mian respondon? Ĉu li havis ideon kiel altaj estas la kostoj por vivtenado en nia regiono? Ke esperantisto, farante



donacetojn, ne estas riĉulo - li nur volas fari ion bonan kaj devas rezigni pri io alia pro la donaco? Ĉu li komprenis, ke ankaŭ mi devas ŝpari por aĉeti tiun libregon? Ke mi, sen tiu ĉi vortaro, devas uzi aliajn, senkostajn rimedojn? Mi ne scias.

Fakte, la nordaj regionoj estas pli riĉaj ol la sudaj, do ekzistas morala devigo de niaj socioj helpi, ni ja ĉiuj vivas en unu mondo, ankaŭ oni ne povas nei la historian respondecon de kelkaj ŝtatoj pro koloniismo.

Sed ni ne intermiksu ŝtatojn, internaciajn organizaĵojn kaj entreprenojn kun simplaj individuoj. Ni ne intermiksu respondecon financan kaj politikan. Unuopaj homoj havas siajn proprajn devojn, respondecojn por la familio, por la estonteco kaj la maljuneco.

La ĉi-supre menciita bonkora esperantistino havis je la fino de sia vivo, eĉ ne sufiĉe da mono por aĉeti necesajn medikamentojn. Senlima sinfordono.

Sed ja devas ekzisti meza vojo inter postulemeco kaj silentado, kiu malebligus kunlaboron kaj reciprokan lernadon. Meza vojo inter sinfordono kaj frosta egaleco, kiu detruus la bazojn de esperantismo kaj skoltismo. Ĉu vi jam trovis vian oran vojon?

**Uwe Stecher, Aŭstrio**

**Supre: vintro en Belgio.**
**Sube: la partoprenantoj de la dua SEL-umado en Bruselo: italo Guido Ricci kaj tri belgoj: Valere Doumont, Cédric Marchal, Christopher Boon.**